# La Bulteneto

Numero 63 Jaro 2021

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO

ZWEISPRACHIGES MAGAZIN AUS WIEN






## Amedeo MODIGLIANI

Ne primitiva, sed genia

Nicht primitiv, sondern genial

## EKSPOZICIO EN ALBERTINA, VIENO

ĝis la 9a de januaro 2022

# La Bulteneto

Numero 63 Jaro 2021

Aliaj numeroj kiel pdf: bitoteko bulteneto

Redaktejo - eldonejo - presejo:

Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio

Tekstoj: Renate kaj Walter Klag

esperanto@chello.at

Unverkäufliche, private Ausgabe - Nevendebla, privata eldono

Sur la titolpaĝo
Amedeo Modigliani
Nudaĵo kuŝanta - Liegender Akt, 1917
Oleo sur lino - Öl auf Leinwand

Albertina, Wien.

Pliaj informoj kaj bildoj:
modigliani.albertina.at

# Amedeo MODIGLIANI

Nicht primitiv, sondern genial

Ausstellung in der Albertina, Wien

bis zum 9. Jänner 2022

Er war zeitlebens von Armut, Schicksalsschlägen, Drogenexzessen und schwerer Krankheit gezeichnet, konnte nur mit seiner Kunst für Miete und das Nötigste zum Überleben aufkommen. Heute zählt der 1920 im Alter von nur 35 Jahren verstorbene Künstler aus Livorno, Amedeo Modigliani, zu den teuersten Künstlern der Geschichte, dessen Bilder dreistellige Millionenbeträge erzielen. Die Wiener Albertina würdigt Amedeo Modigliani (1884-1920) anlässlich seines 100. Todestages mit einer spektakulären, rund 130 Objekte aus drei Kontinenten umfassenden Retrospektive. Die ursprünglich für das Jubiläumsjahr 2020 geplante Schau wurde aufgrund der Pandemie verschoben: Nun wird dieser faszinierende, unverkennbare Künstler erstmals auch in Österreich gezeigt. Die Ausstellung vereint Hauptwerke aus den renommiertesten Museen und Privatsammlungen von den USA bis Singapur, von Großbritannien bis Russland mit größeren Leihgabenaus dem Musée Picasso-Paris und der Sammlung Jonas Netter, der ein großer Förderer Modiglianis zu seinen Lebzeiten war. Sie wird den Künstler innerhalb eines einzigartigen Kreises von Avantgardemalern verorten. Das Leben Modiglianis, lässt sich an Dramatik kaum überbieten: Bereits im Alter von von elf Jahren litt Modigliani an einer schweren Rippenfellentzündung. Mit 14 Jahren erkrankte er an Typhus, einer seinerzeit als tödlich geltenden Krankheit. Später litt er an chronischer Tuberkulose, die den nur 35-Jährigen im Januar 1920 das Leben kostete. Zwei Tage später nahm sich seine im achten Monat

schwangere Verlobte, Jeanne Hébuterne, das Leben.

## Kunst zwischen Archaik und Avantgarde

Modigliani bezog sich in seinen Werken einerseits auf die Renaissance, griff aber auch afrikanische, ägyptische, ostasiatische und griechisch-archaische Kunst auf. Auf diese lebenslange Auseinandersetzung mit den Ursprüngen der Kunst legt die einzigartige Schau der ALBERTINA besonderes Augenmerk: Dem Œuvre Modiglianis werden Werke seiner Gegenspieler Pablo Picasso, Constantin Brâncuşi und André Derain sowie Artefakte prähistorischer und außereuropäischer Weltkulturen gegenübergestellt. Modiglianis legendenumwobenes Leben und sein künstlerischer Grenzgang nehmen in der Kunstgeschichte eine besondere Rolle ein, ohne dass er im strengen Sinne Wegbereiter oder Vorreiter gewesen wäre. Er befand sich inmitten des Pariser Montmartre mit den Größen seiner Zeit in Austausch und hinterlässt uns eindrucksvolle Porträts von Picasso, Constantin Brâncuşi oder Diego Rivera - dennoch blieb er zeitlebens unerkannt. Auch Skandale um seine vorgeblich pornografischen Bilder hemmten den Erfolg. Modigliani blieb Außenseiter und Einzelgänger, der seinen eigenen Stil verfolgte. Und doch stellt sein Brückenschlagzwischen moderner Kunst und Jahrhunderte zurückliegenden Epochen einen bis heute aktuellen, herausragenden und völlig individuellen Beitrag in der Kunstgeschichte dar. Kuratiert wird die Schau von Marc Restellini, der Pariser Kunsthistoriker und Herausgeber des Werkverzeichnisses Amedeo Modiglianis ist. Diese Ausstellung wird mit besonderer Unterstützung des Musée National Picasso Paris organisiert.

# Amedeo MODIGLIANI

## Ne primitiva, sed genia

Ekspozicio en Albertina, Vieno
ĝis la 9a de januaro 2022

Kronologio de mallonga vivo

| | |
|---|---|
| 1884 | Amedeo Modigliani [modiljani] naskiĝas en Livorno, Italio. Li estas la kvara infano de komercisto. Jam en sia junaĝo li suferas je pulma malsano. |
| 1900 | Amedeo suferas pro tuberkulozo. |
| 1902-1903 | Li studas pentroarton en Florenco kaj Venecio. |
| 1903-1907 | La hispana pentristo Pablo Picasso [pikaso] kaj aliaj estas influitaj de afrikaj kaj oceaniaj skulptaĵoj post vizito al etnografia muzeo en Parizo. |
| 1906 | Modigliani translokiĝas de Italio al Parizo, kie li havas intensajn kontaktojn kun tieaj artistoj. |
| 1909-1914 | Modigliani dediĉas sin al skulptarto, influita de la rumani-devena artisto Constantin Brâncuși [konstantín brinkuŝi]. Tipa por la skulptaĵoj estas longformaj kapoj, kiuj reaperas en la pentraĵoj de Modigliani. Pro malriĉeco li devas ofte ŝanĝi la loĝejon. |
| 1913 | Li vizitas por la lasta fojo en sia vivo sian naskiĝurbon Livorno, por esti proksima al la fama marmora ŝtonrompejo de Carrara [karara]. Pro malsanoj kaj malforteco Modigliani denove pentras, ĉar tio estas malpli energiraba. |

| | |
|---|---|
| 1914-1918 | Dum la Unua Mondmilito Modigliani loĝas proksime de Montmartre en Parizo ĉe amikino. Poste li ekloĝas sur Montparnasse kaj havas kontaktojn kun artistoj, kiuj iĝis famaj pri troa uzo de alkoholo kaj aliaj fidrogoj. |
| 1916 | La pola poeto kaj artkomercisto Leopold Zborowski iĝas komerca partnero de Modigliani. Dum la sekvaj du jaroj Modigliani pentras ĉirkaŭ dudek inajn nudaĵojn, unue ege diskutataj, poste famaj. |
| 1917 | Okazas la sola ekspozicio de pentraĵoj de Modigliani en la galerio Berthe Weill. Ina nudaĵo, videbla en montrofenestro, kaŭzas skandalon. Oni formetas tiun verkon. Neniu bildo vendiĝas. |
| 1917 | Modigliani konatiĝas kun la 19jaraĝa artstudentino Jeanne Hébuterne [ĵan ebütérn]. |
| 1918 | Pro la milito Modigliani kaj lia amikino ekloĝas en suda Francio.<br>Tamen la tuberkulozo de Modigliani ne pliboniĝas.<br>Naskiĝas la filino Jeanne. |
| 1919 | Modigliani, ege malsana, reekloĝas en Parizo.<br>Ekspozicioj en Parizo kaj Londono estas sukcesaj. |
| 1920 | Modigliani mortas en Parizo. Du tagojn poste memmortigas sin lia graveda virino. |
| 2015 | La olea pentraĵo "Nu couché" – Nudaĵo kuŝanta – el la jaroj 1917 kaj 1918 vendiĝas en aŭkcio kontraŭ ĉirkaŭ 158 milionoj da Eŭroj. |
| 2021 | Okaze de la 100jara datreveno de la morto de Modigliani Albertina okazigas ekspozicion unu jaron post la ekzakta datreveno pro la kovima pandemio. Kuratoro estas la pariza arthistoriisto Marc Restellini. |



Amedeo MODIGLIANI: Nudaĵo, sidanta, 1917
© Krmska



Amedeo MODIGLIANI: Knabino kun ruĝa hararo, 1918
Privata posedaĵo.




Amedeo MODIGLIANI:  Léopold Zborowski 1916
Fonds de dotation Jonas Netter



Amedeo MODIGLIANI:  Kapo 1911-1912
Minneapolis Institute of Art



Amedeo MODIGLIANI en sia ateliero 1915
Foto Paul Guillaume; Archives Jean Bouret Paul Guillaume.



Maurice Drouard
La ateliera domo de Modigliani en Parizo, Rue du Delta, 1913
Foto: Marc Restellini



Modigliani forlasas sian atelieron en Rue du Delta, 1913
Foto: Marc Restellini

# HISTORIO DE ALBERTINA




## La palaco kaj la kolekto ĝis 1918

La vorto Albertina hodiaŭ havas du signifojn: Unue ĝi estas la nomo de la habsburga palaco sur Aŭgustina Bastiono en Vieno; due tiel nomiĝas la plej granda kolekto de grafikaĵoj en la mondo, kiu troviĝas ekde la fino de la 18a jarcento en tiu palaco.

Sur la tereno, kie nun staras la palaco, dek unu metrojn super la nivelo de la imperiestra ĝardeno, troviĝis komence de la 17a jarcento la tiel nomita Hofstadel, kiu apartenis al la fortikaĵoj el la tempo post la sieĝo de Vieno fare de la turkoj en la jaro 1529. En la dua parto de la 17a jarcento Hofstadel malkonstruiĝis kaj oni konstruis tie la kortegan konstru-aferan oficejon.

1742 la direktoro de la kortega kunstru-afera oficejo Emanuel Teles da Silva Tarouca (ankaŭ: Taroucca; 1696-1771) ricevis de la imperiestrino Maria Theresia

la permeson alikonstrui tiun kortegan oficejon al palaco, kiun oni nomis tiam „Palaco Tarouca“. Tarouca estis la filo de la portugala ambasadoro kaj dum multaj jaroj edukisto, grava konsilanto kaj intimulo de Maria Theresia. Li pensiuliĝis en la jaro 1757 kaj Maria Theresia aĉetis la palacon por uzi ĝin kiel gastdomon.

La sekvaj rezidantoj estis Albert Kasimir de Sachsen-Teschen (1738-1822) kaj lia edzino arkidukino Maria Christina (1742-1798), la plej amata infano de Maria Theresia. Ili geedziĝis 1766 en la kastelo Schlosshof, 50 kilometrojn oriente de Vieno. En la sama jaro Maria Christina donacis al Albert unu presitan grafikaĵon, kio instigis lin kolekti artaĵojn. Tuj poste Albert iĝis guberniestro por Hungario por sia bopatrino kaj loĝis kun Maria Christina en Preßburg (hodiaŭ Bratislavo). Tie li celkonscie kolektis grafikaĵojn, instigata de sia edzino, kiu interesiĝis pri arto kaj mem bone desegnis. Ŝiaj desegnaĵoj iĝis parto de la kolekto. Dum la tuta vivo ŝi estis artosentema kaj fortege subtenis sian edzon en la kolektado ne nur finance, sed ankaŭ konsilante. Do ili havis komunan intereson pliampleksigi tiun kolekton.

Pro klerigo kaj vizitado de parencoj en Florenco, Modeno kaj Napolo Albert kaj lia edzino vojaĝis de januaro ĝis julio 1776 tra Italio. Ili transdonis mesaĝojn, vizitis artajn kolektojn kaj militajn fortikaĵojn, migris sur la monton Vesuvio kun Lord William Hamilton, kiu enkondukis ilin en la vulkanologion. En Venecio la 4an de julio 1776 la aŭstria ambasadoro Giacomo Conte Durazzo transdonis al la geedzoj pli ol mil kuprogravuraĵojn, kiuj pligrandigis la grafikaĵan kolekton, kiu hodiaŭ estas la plej granda en la mondo.

En tiu tempo oni ne plu nur amasigis kuriozaĵojn, sed fondis science ordigitajn kolektojn kaj bibliotekojn.

1780 Albert iĝis la aŭstria guberniestro en Aŭstria Nederlando, kie la kortega arkitekto Louis de Montoyer (1747-1811) novkonstruis norde de Bruselo en rura regiono la kastelon Laken, kie la paro loĝis.
En la jaro 1792 Albert kaj Maria Christina pro revolucio devis fuĝi kun la kolekto unue al Dresdeno, la hejmurbo de Albert, poste ili translokiĝis al Vieno. Tie 1795 imperiestro Francisko la dua subtenis ilin finance kaj donacis al ili la palacon de la iama posedanto Tarouca.

Albert komisiis sian arkitekton Montoyer adapti la palacon por siaj grafikaĵa kolekto kaj biblioteko kaj alkonstruigis reprezentativan alon inter la jaroj 1802 kaj 1804, uzante ankaŭ parton de la Aŭgustina monaĥejo, kaj la palaco iĝis pli ol duoble pli granda. La nun 150 metrojn longa fasado apud la imperiestra palaco Hofburg montris imprese la financan povon kaj memkonscion de tiu duko. La interiorajn objektojn de la palaco Laken li integris en la novajn pompajn salonegojn: Silkaj tegaĵoj el Lyon, artaj marketroj kaj orumitaj kristalaj lustroj. La artaĵoj estis transportitaj per tri ŝipoj de Laken tra Hamburgo al Dresdeno, sed unu el la ŝipoj dronis en Manika Kanalo pro ŝtormego.

Dum la alikonstruado la paro loĝis en palaco Kaunitz apud Vieno, kie Maria Christina mortis en la jaro 1798. Ŝi iĝis nur 56-jara. Maria Christina estis la sola infano de Maria Theresia, kiu rajtis edz(in)iĝi ne pro la habsburga dinastia strategio de la imperiestrino, sed pro ama rilato.

Laŭ ordono de Albert la tiam plej fama itala skulptisto Antonio Canova (1757–1822) konstruis piramidan tomban monumenton por Marie Christine. Tiu cenotafo staras en Aŭgustina Preĝejo, ĉe Albertina. Temas pri la unua publika tomba monumento por virino en Vieno. Aŭgustina Preĝejo estis la kortega preĝejo de la Habsburgoj.

Siajn lastajn vivjardekojn Albert pasigis en sia palaco sen multaj kontaktoj kun la publiko kaj pliampleksigis sian kolekton. 1816 li decidis, ke la kolekto estu

fideikomiso, do nedisigebla kaj nevendebla valoraĵo. Post la morto de Albert en la jaro 1822 liaj heredantoj pligrandigis la kolekton, kiu poste iĝis parto de la Habsburga familia fonduso. La unuan fojon oni nomis la kolekton „Albertina” en la jaro 1870, por memorigi la nomon de la fondinto.

Post Albert loĝis en la palaco:

1822-1847 arkiduko Carl (1771-1847), adoptita filo de Albert, samtempe nevo de Marie Christine, kaj venkinto super Napoleono apud Aspern 1809, kaj ties edzino princino Henriette de Nassau-Weilburg (1797-1829). Carl komisiis la arkitekton Josef Kornhäusel (1782-1860) alikonstrui la palacon, ĉefe la internon kaj la pompan ŝtuparon kun la du sfinksoj el aŭstria kalkŝtono.

1847-1895 arkiduko Albrecht (1817-1895) kaj princino Hildegard de Bavario (1825-1864). Albrecht estis la plej aĝa filo de arkiduko Carl. Albrecht venkis Italion dum la batalo ĉe Custozza 1866. Al li memorigas rajdista statuo antaŭ la ĉefenirejo de Albertina, starigita 1899.

1895-1919 arkiduko Friedrich (1856-1936) kaj princino Isabelle de Croy-Dülmen (1856-1931). Friedrich adoptiĝis post la morto de sia patro fare de sia onklo arkiduko Albrecht. La paro venis 1874 de Preßburg al Vieno kiel la heredantoj post Albrecht. Friedrich estis edukita mineja inĝeniero, metalurgo kaj agrikultura entreprenisto kaj okupiĝis ankaŭ pri laktobrutbredado. Sur siaj posedaĵoj en Teschen li starigis kvazaŭ laktan imperion kaj iĝis la plej riĉa persono en la monarkio. 1914-16 li estis feldmarŝalo kaj havis la ĉefan komandon dum la Unua Mondmilito. 1919 li senposediĝis fare de la Respubliko Aŭstrio kaj perdis la palacon kaj la grafikaĵan kolekton. Kun sia familio li translokiĝis al la hungara urbo Altenburg (hodiaŭ Mosonmagyaróvár). Tie li mortis kiel la lasta iama habsburga posedanto de la tiea palaco en la jaro 1936.

## 1919 ĝis 2003

Post la unua mondmilito (1914–1918) Aŭstrio iĝis respubliko, kaj multaj nobeloj perdis sian propraĵon, kies nova posedanto iĝis la juna respubliko, kiu ne pagis kompenson al la nobeloj. Oni volis neniigi la memoron pri la monarkia pasinteco. La pompaj salonegoj fermiĝis, ili iĝis storejoj por artaĵoj, burooj kaj

bibliotekoj. La kultura heredaĵo iom post iom ruiniĝis. Tamen kreskis la kolekto de 1923 ĝis 1934, kiam Alfred Stix estis la direktoro de Albertina. Li kompletigis la kolekton aĉetante francajn kaj germanajn desegnaĵojn. La nomo „Albertina” por la kolekto kaj por la konstruaĵo iĝis oficiala jam en la jaro 1921.

La 12an de marto 1945 Albertina grave damaĝiĝis pro bombardado fare de usonaj aviadiloj. Ĝis 1952 nur supraĵe oni renovigis la palacon, kiu perdis sian historian identecon. En la jaro 1959 ĝi estis malfermita nur 35 horojn en la semajno kaj la nombro de la vizitantoj kaj uzantoj estis ne granda.

## Ampleksa renovigado

De 1962 ĝis 1986 direktoro Walter Koschatzky revivigis la palacon kaj la kolekton. Li okazigis 200 ekspoziciojn, tial Albertina iĝis pli konata.

Albertina alikonstruiĝis kaj renoviĝis en la 1990aj jaroj. La remalfermo okazis ne 2002, sed nur 2003, ĉar dumlabore oni trovis romian tombejon kun 130 tomboj. Reestiĝis la historia fasado kaj la 18 pompaj salonegoj. En diversaj landoj oni sukcesis aĉeti la originalajn historiajn meblojn el la periodo inter 1780 kaj 1822. La ĉefa enirejo rekonstruiĝis sur la nivelo de la 11 metrojn alta bastiono. Nove estiĝis ĉambregoj por ekspozicioj, la areo por tiaj kreskis de 150 $m^2$ al 5.000 $m^2$. La volumeno de la nova subtera storejo estas 5000 $m^3$. Rimarkindas ŝtuparo por festaj eventoj kaj spegula ĉambro.

Por vizitantoj okulfrapas flugilsimila tegmento (Flugdach, „Soravia Wing“) el titano, konceptita 2003 de la aŭstra skulptisto Hans Hollein (1934–2014). Temas pri 53 metrojn longa, mallarĝa tegmento antaŭ la enirejo, kiu aŭdace trastrekas la historian fasadon. Ĝi estis kaj estas ege diskutata, sed necesa, ĉar ĝi protektas kontraŭ pluvo la novajn lifton kaj rulŝtuparon. La lifto necesas por vizitantoj, kiuj bezonas rulseĝon, ĉar la ramplon oriente de Albertina oni anstataŭigis per kruta ŝtuparo. Erwin und Hanno Soravia pagis la kostojn de la tegmento. La familio Soravia okupiĝas pri konstru-projektoj kaj nemoveblaĵoj. Sub la tegmento

legeblas la vortoj „Sammlung (kolekto) Batliner”. Tiu kolekto, kiu konsistas el 500 artaĵoj de la franca impresionismo ĝis la nuntempa arto, la kerno de daŭra ekspozicio, estas ekde 2007 propraĵo de Albertina. Rita kaj Herbert Batliner kolektis tiujn pentraĵojn ekde la 1960aj jaroj.




La muzeo Albertina en Vieno
malantaŭ la Palmejo kaj la Burga Ĝardeno

## Albertina hodiaŭ

Profesoro d-ro Klaus Albrecht Schröder estas la direktoro ekde 1999. Li evoluigis la pozicion de Albertina, kiu estas nun ne nur ŝtata scienca institucio kaj ne nur grafikaĵa kolekto, sed ankaŭ kolektas kaj ekspozicias fotojn kaj pentraĵojn. Schröder daŭre klopodas ekspozicii ne nur objektojn de Albertina mem, sed ankaŭ de aliaj institucioj kaj daŭrajn respektive portempajn pruntaĵojn.

La nombro de la vizitantoj ege kreskis al preskaŭ 800 mil jare. Albertina estas nun unu el la plej multe vizitataj muzeoj en Vieno. La kvar fakoj estas grafikaĵoj, fotoj, pentraĵoj kaj arkitekturaj objektoj. Kreskis ankaŭ la nombro de la kunlaborantoj de 60 en la jaro 1999 al 300 aktuale.

En la jaro 2008 malfermiĝis nova 300 m² granda salonego por studado. Tiel eblas aliri la kolekton, kiu konsistas el pli ol unu miliono da objektoj. En la subtera, kvaretaĝa esplorejo troviĝas biblioteko, renovigejo kaj laborejo.

Pro pluvego en junio 2009 akvo fluis en la subteran storejon. Pro teknika damaĝo oni ne tuj povis reagi. Rapidege oni devis transporti 950 mil objektojn provizore al sekura loko.

Renate kaj Walter Klag




Litografio ĉirkaŭ 1840




Antonio Canova: Cenotafo por Marie Christine, Aŭgustina Preĝejo
1798 - 1805
UXORI OPTIMAE - POR LA PLEJ BONA EDZINO
Sur la monumento ne videblas kristanaj simboloj,
sed kelkaj framasonaj motivoj.

Fotoj © WK

# Prononco

Maria Theresia [terézia] regis 1740 ĝis 1780; Tarouc(c)a [taruka]; Kasimir de Sachsen-Teschen [kázimir de Saksio-Teŝino]; Christina [kristina]; Schlosshof [ŝloshóf]; Preßburg [presburg]; William Hamilton [ŭiljem hémiltn]; Giacomo Conte Durazzo [ĝákomo konte duraco]; Louis de Montoyer [luj de montojé]; Lyon [lió]; Kaunitz (Wenzel Anton Graf Kaunitz-Rietberg, 1711-1794) [kaŭnic]; Antonio Canova [antónio kanova]; Carl [karl]; Nassau-Weilburg [nasaŭ-vajlburg]; Josef Kornhäusel [jozef kornhojsel]; Albrecht [albreĥt]; Custozza [kustoca]; Friedrich [fridriĥ]; Croy [kroj]; Teschen [teŝen] estas hodiaŭ pola-ĉeĥa duobla urbo Cieszyn - Český Těšín en Silezio; Mosonmagyaróvár [móŝonmadjarovar]; Stix [ŝtiks]; Walter Koschatzky [valter koŝacki]; Schröder [ŝröder]; Hollein [holajn]; Soravia [sorávia].

# Fontoj

**https://www.albertina.at/presse/**
https://www.albertina.at/forschung/zeichnung-druckgrafik/geschichte/
www.habsburger.net
de.wikipedia.org/wiki/Hofbauamt
www.burghauptmannschaft.at
deacademic.com/dic.nsf/dewiki/1071580
www.digital.wienbibliothek.at/wbrobv/content/titleinfo/1112764




**La imperiestra kastelo Hofburg en la unua distrikto de Vieno**

10 ... Albertina

2a ... Aŭgustina preĝejo

2b ... Aŭgustina monaĥejo

8 … La Pompa Salonego (Prunksaal)

13 … Miĥaela kupolo, iama sidejo de Internacia Esperanto-Muzeo IEM

C … Miĥaela Placo (Michaeler Platz)

Norde de C … Herrengasse 9, Esperanto-Muzeo

E … Jozefa Placo (Josefsplatz)

G … Burga Ĝardeno (Burggarten)

Pliaj klarigoj: de.wikipedia.org/wiki/Hofburg

# Informoj kaj anoncoj

# Bitte beachten Sie auch die folgenden Seiten



Floro de frago fotita de Irene Klag

# Valora donaco por amiko de Esperanto

En Vieno aperis du arĝentaj medaloj en la formo de 50-Stela kaj 100-Stela moneroj.




Okaze de la 150a naskiĝ-datreveno de la svisa esperantisto René de Saussure aperis 2018 tiu 100-Stela *monero*.
Maso unu unco (31,1 gramoj) da arĝento 999/1000, diametro 37 mm, surfaco polurita (proof), eldonkvanto nur 1000. Arĝenta stampo 925, liverado en kapsulo. La dezajnon kreis magistro Helmut Andexlinger, la ĉefgravuristo de la renoma ŝtata aŭstria monerfarejo Münze Österreich.
Prezo 50 € plus sendokostoj.




2020 aperis arĝenta 50-Stela *monero* por la honoro de la nederlanda esperantistino Julia Isbrücker.
Maso 30 gramoj da arĝento 925/1000, diametro 40 mm, surfaco polurita (proof). Eldonkvanto nur 300. La dezajnon kreis magistro Helmut Andexlinger, la ĉefgravuristo de la renoma ŝtata aŭstria monerfarejo Münze Österreich.
Prezo 60 € plus sendokostoj.

Mendoj: esperanto@chello.at. Mag. Walter Klag

# La renaskiĝo de la Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis proprajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.
Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 Steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu Stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.




La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto. La originala valoro estis difinita kiel 4,2 Steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa Stelo, tiu ĉi Stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en Steloj variis inter 4,040 kaj 4,581.
La Steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo.
La avantaĝoj de Steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ Steloj en la komenco de la renkontiĝo. La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.

Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com

# *E*speranto-*N*umismatika *A*socio




Estimata samidean(in)o,

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la probable ununura fakgrupo "Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo "Esperanta Numismatiko" en la historio de Esperanto.

La instiga kialo estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum iom pli ol ses jaroj ĝis 148 individuaj membroj kaj 23 esperantaj (kaj eĉ neesperantaj!) organizaĵoj, bibliotekoj, muzeoj kaj universitatoj, dise en la mondo.

Agrable kaj demokrate estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: "Mi konsentas aliĝi"). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas ankaŭ tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, ni klarigos kiel vi povas (ne devas!) elŝuti la jam aperintajn numerojn. SENPETE sekve vi ricevos ĉiujn novajn aperontajn numerojn (4 n-rojn jare).

## Vi krome rajtas unue peti provnumeron!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"
bert.boon@skynet.be



VIELE PLAGEN SICH NOCH MIT KOMPLIZIERTEN FREMDSPRACHEN.

HIER SPRICHT MAN SCHON ESPERANTO:

# eventaservo.org



Foto: Zoom-Sprachencafé Weltmuseum Wien - Esperantogruppe

# WELTWEIT BRÜCKEN BAUEN MIT ESPERANTO

# KLAR UND ÜBERSICHTLICH

# STATT KOMPLIZIERT UND VERALTET

# ESPERANTO IST WESENTLICH LEICHTER ALS ENGLISCH ERLERNBAR

## Hier spricht man Esperanto: eventaservo.org

Die sprachliche Vielfalt Europas ist ein kultureller Schatz. Wer Fremdsprachen lernt, verjüngt sein Hirn und lernt ein anderes Land und einen anderen Kulturkreis kennen. Für eine höhere Sprachbeherrschung fehlt aber oft Zeit oder Geld. Die Sprachbarrieren bleiben.

In den letzten 135 Jahren hat sich daher die Esperanto-Sprache entwickelt, welche ausschließlich für die Überwindung der Sprachgrenzen vorgesehen ist. Sie ist keine Nationalsprache und verdrängt deshalb keine anderen Sprachen, wie dies bei Kolonialsprachen der Fall ist, sondern bewahrt die sprachliche Vielfalt. Durch diese gemeinsame *zweite* Sprache stehen einander Menschen aus verschiedenen Kulturen auf gleicher Augenhöhe gegenüber. Esperanto ist für alle Menschen wesentlich leichter als zum Beispiel Englisch erlernbar. Jeder Laut entspricht einem Buchstaben und umgekehrt, die Betonung liegt immer auf der vorletzten Silbe. Die Regeln haben keine Ausnahmen. Mit einem genialen Wortbildungssystem kann man viele Wörter selbst bilden und muss nicht dauernd in einem Wörterbuch nachschlagen.
In die konservativen Schulsysteme hat Esperanto als gemeinsame zweite Sprache noch nicht Eingang gefunden. Innovationsunwillige Politiker weisen auf die sprachliche Vielfalt hin, fördern aber fast ausschließlich Englisch. Die Alternative Esperanto wird nicht zugelassen, obwohl damit viel Zeit und viel Geld gespart werden kann. Tatsache ist, dass schon jetzt viele Menschen in der EU und weltweit Esperanto als Lingua Franca verwenden.

Es gibt viele Möglichkeiten, Esperanto abseits der konventionellen Schulsysteme zu lernen. Im Internet muss man nur das Wort Esperantokurs eingeben und findet mehrere Lernmöglichkeiten. Im Buchhandel sind Esperanto-Lehrbücher und Wörterbücher erhältlich. Wörterbücher gibt auch online: vortaro.net und www.esperanto.de .

# 135 Jahre Erfolg und Tradition

| | |
|---|---|
| 1887 | Das erste Esperanto-Lehrbuch erscheint |
| 1905 | 1. Esperanto-Weltkongress in Boulogne-sur-Mer, Frankreich |
| 1908 | Gründung des Esperanto-Weltbundes UEA in der Schweiz: www.uea.org |
| 1912 | Die ersten Spesmilo-Münzen werden geprägt |
| 1922 | Erste Esperanto-Radiosendungen, in Newark und London |
| 1938 | Gründung des Esperanto-Jugendweltbundes TEJO: tejo.org |
| 1959 | Die ersten Stelo-Münzen werden geprägt |
| 1965 | 50. Esperanto-Weltkongress in Tokio, der erste Weltkongress in Asien |
| 1966 | Pasporta Servo erscheint erstmalig: www.pasportaservo.org<br>Heute 1800 esperantosprachige Gastgeber in über 100 Ländern |
| 1970 | Das Definitionswörterbuch Plena Ilustrita Vortaro wird herausgegeben:<br>kono.be/vivo oder vortaro.net |
| 1980 | Die Monatszeitschrift Monato erscheint erstmals: www.monato.net |
| 1986 | Erstmals ein Esperanto-Weltkongress in Beijing, China; neuerlich 2004. |
| 2001 | Chuck Smith gründet die esperantosprachige Vikipedio: eo.wikipedia.org |
| 2002 | Der Internet-Esperantokurs lernu startet: www.lernu.net<br>Mehr als 300 000 Anmeldungen bis heute |
| 2006 | Herzberg am Harz, Niedersachsen, wird offiziell Esperantostadt: esperanto-urbo.de |
| 2008 | Erstmalig Esperanto-Prüfungen nach dem Gemeinsamen Europäischen<br>Referenzrahmen: www.edukado.net/ekzamenoj/ker |
| 2011 | Gründung von Muzaiko, Esperanto-Musik: www.muzaiko.info |
| 2012 | Google macht Esperanto-Übersetzungen |
| 2014 | Erstmals Esperanto-Fernsehen: Google > esperanto televido |
| 2015 | Duolingo – Neuer Esperantokurs für Englischsprachige,<br>danach auch für Spanisch- und Portugiesischsprachige:<br>www.duolingo.com Mehr als 3 Millionen Anmeldungen bis heute |
| 2017 | 102. Esperanto-Weltkongress in Seoul, Südkorea |
| 2018 | Die silberne 100-Steloj-Münze wird herausgegeben |
| 2019 | 104. Esperanto-Weltkongress in Lahti, Finnland |
| 2020 | Zum Julia Isbrücker-Jahr erscheint die silberne 50-Steloj-Münze |
| 2020 | eventa servo verzeichnet hunderte aktuelle Esperanto-Veranstaltungen |
| 2021 | Starker Anstieg der Esperantotreffen mit Zoom |
| 2021 | 106. Esperanto-Weltkongress virtuell |
| 2022 | 78. Esperanto-Jugend-Weltkongress |
| 2022 | 107. Esperanto-Weltkongress in Montreal, Kanada |
| 2023 | 108. Esperanto-Weltkongress in Turin, Italien |







# Esperanto-Bibliothek und Ausstellungsräume

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen,**
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**